[redacted]

53a Jaro — N-ro 1 — Januaro - Februaro - Marto - Aprilo 1961a

# BELGA ESPERANTISTO



Oficiala dumonata Organo de

REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Asocio sen profita celo,
aliĝinta al UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO



Redaktoro-Administranto :
la Prezidanto de R.B.L.E. :
Maur. JAUMOTTE
Avenuo De Bruyn, 44
Wilrijk-Antverpeno

Fondita en 1908a
★
Abonprezo : Fr. 100,-

## Benelukса Kongreso en Namuro

Post diversaj esploroj kaj klopodoj, estas decidita ke la estonta Beneluksa Kongreso okazos dum la Pentekostaj tagoj, do de la 20a ĝis la 22a de majo, en Namuro kaj ke ĝi estas organizata de kelkaj fidelaj elementoj de Reĝa Belga Ligo Esperantisto :

D-ro Pol Denoël, prezidanto
S-ro Pierre Piron, sekretario
F-ino Orsolini, help-sekretariino
S-ro P. Paulus, kasisto.

La L.K.K. estos kompletigata per aldono de du vicprezidantoj, kiuj reprezentos Flandran Ligon Esperantistan kaj L.E.E.N.

Jen la provizora programo :

**SABATON, la 20an de majo:**

**Je la 15a h.: Malfermo de la Akceptejo en « Taverne Pax », Pl. St. Auba, (apud la katedralo)**
**Je la 16a h.: Delegacia flordemeto ĉe la monumento al la Militmortintoj**
**Je la 17a h.: Diversaj kunsidoj**
**Je la 19a h.: Laŭvola vespermanĝo**
**Je la 20a h.: Vespera promenado tra la lumigata urbo aŭ/kaj prezento de filmoj.**

**DIMANĈON, la 21an:**

**Je la 9a h.: Katolika Diservo kaj Protestanta ceremonio**
**Je la 10a: Kunsidoj de la tri Ligoj**
**Je la 11,30a h.: Oficiala Akcepto en la Urbdomo**
**Je la 13a: Libervola tagmanĝo**
**Je la 15a: Promenado tra Namuro**
**Je la 19a: Festeno en Hotelo Victoria (Fr. 120, servomono enkalkulita; sed sen trinkaĵoj) kaj Amuza Vespero: kantado, muziko, dancado.**

**LUNDON, la 22an:**

**Ekskurso verŝajne al Profondeville, kun eventuala akcepto oficiala.**

La L.K.K., kiu dissendigos la Aliĝilojn per la lokaj grupoj, atentigas ke dum la Pentekostaj tagoj estas tre multaj turistoj en Namuro kaj ke la loĝadebleco estas tre limigata. Ĝi do petas ke oni resendu la aliĝilon plej laste antaŭ la 1-a de majo.

Por la junuloj estas en Namuro junulargastejoj kaj kampadejoj.

La pagoj okazu al Poŝtĉeknumero 67.32.84 de " Karloreĝa Grupo Esperantista ", Charleroi kaj la resendo de la aliĝiloj okazu al la Kasisto S-ro P. Paulus, 66, rue Vandervelde, Marchienne au Pont.

Por la hoteloj oni antaŭvidu : Fr. 95, Fr. 115, Fr. 140 kaj Fr. 160 por ĉambroj por unu personoj ; kaj Fr. 115, Fr. 140, Fr. 160 kaj Fr. 200 por ĉambroj de du personoj, servmono enkalkulita, sed sen matenmanĝo (proks. Fr. 25).

# Nia Revuo malfruiĝis...

Pro diversaj cirkonstancoj, la lasta numero de la jaro 1960a aperis en la monato de februaro de la nuna. Ni tiam tamen esperis regajni iom facile la malfruigon.

Okazis tiam la Elektadoj en nia lando, kiuj kaŭzas ĉiam kaj ĉie gravegan, esceptan laboron en ĉiuj presejoj. Kaj kiu flankenmetigis la presadon de nia revuo.

Por ke estonte la aperdato denove koincidu kun la efektivaj datoj, ni aperigas tiun ĉi numeron kun la mencio de la kvar unuaj monatoj de la jaro 1961. Sed, dank'al interkonsento kun Belga Esperanto-Instituto, ni, pere de la grupoj, kompensos la forfalon de preskaŭ unu numero, — (la nuna enhavas 20 paĝojn anstataŭ 16) —, per disdono de malnovaj, sed ankoraŭ ĉiam interesaj literaturajoj, eldonitaj en antaŭaj jaroj de la Instituto aŭ reprenitaj de ĝi.

Ni esperas ke tiu solvo kontentigos ĉiujn !

# LA GRUPA KRONIKO

**Por la dua fojo, ne aperas la Kroniko de la Grupoj. Pro la malfruiĝo en la apero de la lastaj numeroj de nia revuo, multaj interesaj tekstoj amasiĝis, kiuj devas nepre aperi.**

**En la sekvonta numero, ni presigos resuman kronikon kaj invitas la grupsekretariojn ke ili havigu al ni do resumon de sia kroniko pri la lastaj monatoj, en telegrafstilo, t.e. menciante, sen retorikaj floroj, la ĉefmomentojn el la vivo de la grupo.**

**Tiun resumon ni publikigos kaj intertempe ekestos verŝajne nova aranĝo pri publikigo, kun « Flandra Ligo Esperantista », de revuo preskaŭ, se ne entute, identa ; kio malpliigos la financan pezon de la eldono de la revuo sur la Ligaj financoj.**

**La sekretarioj do senprokraste faru la neceson.**





# BELGA ESPERANTO-INSTITUTO

Ĉiuj konas nian bonan amikon S-ron Georges Van den Bossche, kiu de multaj jaroj estras nian kooperan societon por eldono kaj librovendado.

Multaj scias ke, en la lasta tempo, la sanstato de nia amiko ne estis vere bona. Kaj multaj ektimis la momenton, kiam li eble ne plu kapablos daŭrigi la pezan laboron.

Tiu momento nun alvenis. S-ro Van den Bossche petis la administrantaron de B.E.I. malŝarĝi lin de lia tasko.

Kaj, en tiu kruca momento por B.E.I., tiu administrantaro havis la ne-esperitan ŝancon trovi iun tuj preta por repreni la laboron. Ni citas F-inon Elsa Van der Weken, help-sekretariinon de " La Verda Stelo " kaj kiun multaj konas ĉar, dum la Universala Kongreso en Bruselo, estis ŝi, kiu sidis ĉe la Informtabulo kun la dumil najloj kaj tie respondis vigle al la miloj da demandoj faritaj de la kongresanoj.

Ŝi ne nur akceptis repreni la taskon, kiun S-ro Van den Bossche ne plu povas plenumi, sed ankaŭ lokiĝi en sian loĝejon la gravan ĉiutagan stokon de tiu eldonejo.

Ĉiuj kiuj konas ŝin fidas ke ŝi, post iniciado en la nova tasko, iĝos vere konscienca kaj kompetenta helpantino.

Intertempe ni, kun la danko kiun ni al ŝi esprimas, volas diri al S-ro Van den Bossche la esceptan dankemon de ĉiuj gvidantoj de la Instituto kaj cetere ankaŭ de ĉiuj klientoj, kiuj en la daŭro de unu jaro mendas el eksterlando kaj el nia lando, por pluraj dekmiloj da frankoj da libroj kaj da esperantaĵoj ĉiuspecaj.

Tuj post lia edziĝo S-ro Van den Bossche, kun edzino, akceptis estri la magazenon, kiun la Instituto malfermis en la Willemsstrato, post la morto de S-ro Fr. Schoofs, en 1934. Kaj, de tiu momento ĝis nun, neniam S-ro Georges Van den Bossche forlasis sian postenon.

Kaj de la momento kiam en 1947 la Instituto devis, pro manko de monrimedoj, fermi la magazenon en la Lange Leemstrato, S-ro Van den Bossche preskaŭ tute sola daŭrigis la laboron.

La administrantaro decidis konservi al li la honoran titolon de administranto de la Instituto, kiel eta elmontro de simpatio kaj rekono por la grandaj servoj faritaj al la movado.

Kaj la subskribinto, konscia pri la malfacilaĵoj, kiujn renkontos certe sur sia vojo la nova direktorino, decidis repreni pli viglan rolon en la ĝenerala kaj supera gvidado de nia Koopera Societo, tiel ke ĉiu povu havi la certecon ke, — en la estonto kiel en la estinto, — ĉio glate funkcios.

Estas nun devo de ĉiuj, — en tiu estonto, ankoraŭ pli ol en la estinto, — subteni nian eldonejon per multaj mendoj. La Instituto efektive liveras ĉiujn librojn de ĉiuj eldonejoj en la mondo.

La nova adreso de la Instituto estas : 119 Cuylitsstraat, Antverpeno. Tel. : (03) 37.52.70.

Maurice Jaumotte, *Administranto-Prezidanto.*

# UNESKO-NOVAĴOJ

### UNESKO AKCEPTIS DEK SES NOVAJN MEMBRO-ŜTATOJN

En la jusaj monatoj dek ses novaj ŝtatoj, inter ili dek kvin nove sendependaj afrikaj landoj, fariĝis membroj de Unesko. Ili estas: Centra Afrika Respubliko, Dahomeo, Ebura Bordo, Gabono, Kameruno, Kongio (Brazzaville), Kongolando (Leopoldville), Kuvajto, Madagaskaro, Malio, Niĝerio, Niĝerlando, Senegalo, Somalio, Togolando kaj Supra Voltao.

Post la aniĝo de Ĉado kaj Cipro la nombro de membro-ŝtatoj de Unesko estos 100.

En 1946 reprezentantoj de 45 ŝtatoj ĉeestis la unuan sesion de la Ĝenerala Konferenco de Unesko. Inter ili mankis Sovet-Unio, Germanujo kaj Italujo en Eŭropo; Filipinoj, Indonezio kaj Japanujo en Azio; kaj ĉiu lando en tropika Afriko krom Liberio.

En 15 jaroj la membraro de Unesko duobliĝis, kaj la nombro de homoj, kiujn la delegitoj reprezentas, multoble pligrandiĝis.

(Laŭ Unesco-Features kaj UEA-Informservo)

### FLORBEDOJ DE AMIKECO

Frue en 1960 pluraj homoj el la urbo Saratov en Sovet-Unio vizitis la urbon Bristol en Anglujo kaj interŝanĝis florsemojn kun siaj invitintoj.

Rezulte, sur la bordoj de la Volgo en Saratov floris belega bedo, en kiu 180.000 floroj formis la vortojn « Paco kaj amikeco ». Troviĝas en Bristol simila florbedo kreskinta el la semoj donacitaj de la Rusaj vizitantoj.

(Laŭ Unesco-Features kaj UEA-Informservo)

### MAPARO DE LA KAŜITA DUONO DE LA LUNO ELDONITA EN MOSKVO

La Akademio de Sciencoj de Sovet-Unio lastatempe eldonis maparon de la kaŝita duono de la luno, kiu enhavas 30 antaŭe ne publikigitajn fotografaĵojn el « Lunik IV ». Per tiuj fotoj oni povis konstati 500 detalojn de la reliefo sur la luna surfaco, kiuj estas priskribitaj en katalogo en la majaro. La kaŝita flanko de la luno ne montras ion similan al la grandaj mallumaj kavoj nomitaj «maroj», kiuj kovras grandan areon de la videbla surfaco. Tamen, kaj la kaŝita kaj la videbla flankoj de la luno montras kraterojn kaj montojn.

(Laŭ Unesco-Features kaj UEA-Informservo)





# ...kaj ĉiam pri... la junularo

**La Moraleco en la laborejoj.**

Dum antaŭ nelonge farita enketo far de granda firmo, inter 2.500 junaj gelaborantoj, estis atestata de multaj junuloj ke la komuna lingvaĵo en la leborejo estas triviala kaj vulgara. Estas ĝenerale la mense iom malprogresintaj plenkreskuloj kiuj tiurilate estas plej malagrablaj. Ĉar ili ne trovas aŭdon ĉe samaĝuloj, ili ĝuas kaj trovas kompenson en la rakontado de siaj aventuroj al la lernantoj kaj tion ili faras plej krude. Multaj pli maljunaj personoj fervoras paroli al la lernantknaboj pri problemoj kiuj preteriras la plej elementan dececon. En multaj firmoj la plenkreskuloj donas al la junaj personoj librojn kaj broŝurojn kiuj absolute ne taŭgas por ili.

*(Luxemburger Wort, Luxemburg, 12 marto 1960)*

(Tio firmigas la tezon de persono kiu havas multajn rilatojn kun gejunuloj, kaj kiu diris al mi ke ne la hodiaŭa junularo estas mal bona, sed jes la hodiaŭa plenkreskularo. *Rim. de la Red.)*

**La Germana junlaro ne plu elektas la ordinarajn metiojn.**

Laŭ la rezultatoj de testoj ĉe gelernantoj, tre malmultaj inter ili ankoraŭ volas fari kutimajn metiojn. En unu tre grava malalta lernejo, ne unu knabo de la tri lastaj studojaroj volas ankoraŭ esti bakisto, harfrizisto, tajloro aŭ ŝuisto. Tiurilate la situacio pligraviĝas. Kvankam 80 % de la knaboj kaj 50 % de la knabinoj decidis lerni metion, illi tamen elektis nur 14 el la 130 rekonitaj metioj. La knaboj plejparte elektas fakon rilatantan kun metalprilaborado : maŝinkonstruado, aŭtoindustrio, radioelektrikistoj. La intereso pri la detalkomerco plimalgrandiĝas : inter 20 nur unu elektas tion. Kontraŭe estas la knabinoj kiuj sentas emon al tiu branĉo ; sed, strange, estas precipe al viraj okupoj ke iras ilia intereso ; ekzemple ili deziras servi ĉe benzinpumpilo. Tamen du trionoj restas fidelaj al skribejoj kaj lernas por tajpistino. La plej ambiciaj sekvas dekomence kurson de komerco por iĝi librotenistino. Ŝajnas ankaŭ ke la hodiaŭa junularo komprenis la gravecon de perfekta profesieduko. Malpliiĝas multe la nombro de gejunuloj kiuj komencas profesion sen antaŭa taŭga preparado.

*(Journal de Genève, 17 aprilo 1960)*

**La malsano de nia junularo.**

Dr. Gilbert Robin, specialisto pri mensomalsanoj, diras : " ...laŭ mia opinio, la junularo suferas je duobla malsano. Depost jaroj la jnunlaro estas glorigata kaj trolaŭdata, ofte supermezure. La sekvoj de tio estas por kelkaj bonegaj sed por aliaj malbonegaj. Junularo kutimas tro rapide kredi kaj fidi sin mem. Ĝi estas la periodo de la malgrandaj dioj. Vi povas kredi min : en ĉio tio mankas la ĝusta grado. Mi vidas ĝiajn sekvojn ĉiutage ĉe miaj junaj pacientoj. Alia

aspekto de tiu malsano estas la misuzo de popularigita, elementa psikiatrio, por kiu nenio estas sankta kaj kiu publikigas senhonte erarojn, kulpojn, nenormalaĵojn de la plenkreskuloj, antaŭ infanoj. Tio helpas la falon de la aŭtoritato, tiel ke la junularo estas lasita al si mem. La plej rokfirmaj principoj estas nuntempe ŝanceligataj. La antaŭa societo prezentis al ni, malgraŭ multaj mankoj kaj mensogoj, almenaŭ kadron, ostaron je kiu ĝi apogis kaj kiu donis al ĝi ŝajne indan kaj noblan aspekton. Ĝia sinteno elvokis admiron. Nun la psika vivo estas en alia situacio: precipe junaj spiritoj ŝanceliĝas kaj palpas en mallumo. La infanoj aŭ junuloj ne estas malsanaj sed la tempo en kiu ili vivas estas malsana.

*" Ligueur " Bruselo, 26 aprilo 1960*

**La " Halbstarken " : ne plu proplemo ?**

En Anglujo ili estas la " Teddy-Boys ", en Francujo la " Blousons Noirs ", en Okcident-Germanujo la " Halbstarken ", en Italujo la " Vitelloni ", en Aŭstralio kaj Nov-Zelando la " Bodgies " kaj " Widgies ", en la Sovjet-Unio estas la " Stiljakis ", en Nederlando la " Nozems ", en Sud-Ameriko la " Tsotsis " kaj en Japanujo la " Mambo-Boys ".

La junaj vizitantoj de tiuj specialaj ejoj nur malofte trinkas alkoholon. Sed ĉiuj posedas diskojn kaj ŝategas danci. Ili organizas semajnfinrenkontojn kiuj komenciĝas je vendredo kaj finiĝas je lundo matene. 20 ĝis 30 paroj kunvenas, ne nur por danci sed ankaŭ por trinki. Neniu plenkreskulo kontrolas, tamen la orgioj estas tre maloftaj. La registaro deziras helpi kaj organizas junularklubojn. Sed tiuj junuloj ne iras tien ! Ili daŭrigas viziti siajn specialajn ejojn, ili plu iras nekombitaj en la stratoj kaj al tiuj semajnfinrenkontoj. Ili daŭrigos sian " malmoralan " vivon. . . . ĝis ili atingas la aĝon de 25 jaroj . . . kaj geedziĝas ! Tiam subite ili perdas ĉiun kontakton kun sia antaŭa vivmaniero kaj samtempe ĉiun komprenon pri " jazz " . . . kaj pri la juna generacio !

*" Die Neue Zeit " Klagenfurt, 19 junio 1960*

**Junularkriminaleco kaj necerteco en familirilatoj.**

Ĉio indikas ke la kaŭzoj de malbona socia adaptiĝo devas esti serĉataj en la situacio de la familio de tiuj junuloj. Sekve la sola celtrafa metodo konsistas en la forigo de ĉiuj elementoj kiuj estigas ne-sekurajn kaj malamikajn sentojn en tiuj familirondoj. La familioj kiuj minacas la infanojn per forigo de ili, kie aukaŭ la patrino minacas foriri, kie la infano ne havas senton de sekureco, tiaj familioj produktas kriminulojn.

Ni nun komprenas ke la infano havas esencan bezonon esti certa pri la daŭra pluekzistado de la familio : kaj tiel ĝi iĝas ebla eĉ por ne-fakuloj savi kelkajn infanojn se ili ricevas helpon de la gepatroj kaj se ili havas multe da bona volo kaj tempo kaj pacienco.

Devas ankaŭ kunhelpi sociaj asistantoj (kun plentaga okupo) : kaj ĉiu duagrada lernejo, kune kun la ĉirkaŭaj unuagradaj lernejoj devus disponi pri socia asistant(in)o.

*" Times Educational " London 13 majo 1960*

**Junularkriminaleco pliiĝas en multaj landoj.**

En raporto kiun faris Okcident-Germana juĝisto laŭ ordono de U.N., ni legas ke 47 % de la plej gravaj krimoj estas farataj de junaj personoj (en Usono). Ili formas reciproke kontraŭ batalantajn grupojn, ŝtelas aŭtojn, drinkas alkoholon, sekse malbonkondutas, detruas kaj agas kontraŭ trafik — kaj aliaj reguloj. La sama en multaj aliaj landoj. La raporto nomas la kaŭzojn : dezirego al materiaj posedoj, disiĝo de familia vivo, detruiĝo de gepatra aŭtoritato, kaj ankaŭ ne esto de iu " afero ", " celo " al kiu la junularo povas dediĉi sian entuziasmon kaj sian denaskan atakemon ; kaj ankaŭ la tiel nomata progresema edukado.

*" Het Parool " Amsterdam 19 majo 1960*

**Instruantoj ne havas sufiĉe da kontakto kun la junularo.**

En Aveyron, al 800 knabinoj kaj 1.000 knaboj inter 14 kaj 21 jaroj, de la tria klaso ĝis la unua filozofio, oni faris nombron da demandoj.

La junuloj staras antaŭ diversaj malfacilaĵoj : orientiĝo de sia vivo; elekto de profesio ; kompreno de studobjektoj. Ĉu ili mem povas venki tiujn malfacilaĵojn aŭ ĉu ili alparolas plenkreskulojn por tio ? Al tio la lernantoj respondas ke ili en mezuro de 75 % sciigas siajn lernejo malfacilaĵojn al la gepatroj. Sama pocento de lernantoj kiuj reciproke sciigas siajn malfacilaĵojn. Ke junaj personoj esprimas tiamaniere kaj kune priparolas sian vivon, ĉu tio ne estas valoro kiu devus esti evoluigata de la instruo-organizo ? Kontraŭe, nur triono de la knabinoj kaj nur duono de la knaboj alparolas pri tio siajn profesorojn. Ĉu ne estus bone por ambaŭ se ekster la lecionoj ekestus regulaj kontaktoj inter instruistaro kaj lernantaro ? La problemoj ja interesas kaj gepatrojn kaj instruistojn. Ni konstatas nun ke sur tereno de kunlaboro nur 60 % de la gepatroj estas membroj de iu tia unuiĝo kaj ke nur 40 % de ili parolas kun siaj infanoj pri tio. La sekvanta povas ŝajni nenormala : junaj lernantoj parolas pri siaj lernejaj aferoj prefere kun la gepatroj, sed pri aliaj aferoj prefere kun siaj instruistoj ! Ĉu ili turnas sin al la plej kompetentaj personoj por solvi la problemojn ?

*" Dépêche du Midi " Toulouse 12 april 1960*

*Rim. de la red. :* Ni akcentu ankaŭ tion ĉi ke regula kontakto inter junulinoj de 13 - 18 jaroj kaj (junaj aŭ relative junaj) profesoroj entenas ankaŭ danĝerojn ! La junulino venis en la stadio en kiu ŝi bezonas apogon, en kiu ŝi emas al revado kaj admirado, en kiu ŝi facile enamiĝas.

**Situacio de la instruado en tropika Afriko.**

Se oni taksas je 25 miljonoj la nombron de infanoj kiuj povus ricevi instruadon, estas aliflanke ankaŭ vere ke por 17 miljonoj la vizitado de lernejo estas absolute ne ebla. Nur malplimulto de 8 miljonoj da privilegiitoj faras kompletajn malaltajn studojn. La mezgrada instruado havas 260.000 junulojn. Nenie la nombro de knabinoj atingas 30 %. Tamen, ankaŭ tie ni konstatas rimarkindajn progresojn. Inter 1946 kaj 1956 estis

kresko de 20 %. 100 % en la plej multaj regionoj kaj en kelkaj eĉ 215 ĝis 314 %.

Sed restas ankaŭ la fakto ke oni devas dungi almenaŭ 365.000 instruantojn kaj konstrui saman nombron da klasoj se ni kalkulas 1 klason po 1 instruanto kaj po 50 lernantoj.

*(Unesco".*

**La Servo por la junularo en Finnlando: 1 respondeca funkciulo por ĉiu komunumo.**

En 1944 oni starigis en tiu lando la Regnokomisionon por la junularo dependantan de la ministerio de edukado. Laŭ la leĝo tiu komisiono devas esti konsultata por ĉiuj aferoj rilate la junularon. Plie — rimarkinde ! — la subteno kiun lernejo kaj instruantaro devas doni al la junularorganizo estas de la leĝo notita. Registaro kaj parlamento en Finnlando dediĉas multe alla junularo. La junularorganizoj havas 1 miljonon da membroj inter 7 kaj 20 jaroj ; kelkaj atingas la 30 j. aĝon. Ekzistas ĉirkaŭ 50 organizoj : tiuj de la politikaj partioj, de la eklezioj, de abstinenculoj, kaj profesiaj kluboj ekz. de terlaboristoj. La interkunlaborado estas kontentiga (malgraŭ konfliktoj de partioj !) Preskaŭ ĉiuj aliĝis al la Centra Konsultantaro por la Junularo, kiu i.a. decidas pri ŝtataj subvencioj. Unu de la enspeziloj estas impostoparto de la alkoholo. Tiu imposto estas ja tre alta en Finnlando kaj parto de ĝi iras al la junularorganizoj. Por formi la kadrojn, ekzistas en Helsinki Supera Lernejo por Sociaj Sciencoj kiu en dujara kurso edukas monitorojn. Por fari tiun studon oni devas esti inter 19 kaj 30 jara, esti farinta " humaniora " studojn kaj esti servinta dum unu jaro en iu junularmovado. La diplomitoj estas poste akceptataj de la komunumoj kiel respondeca reprezentanto de la junularo. La problemo de la " nozem " junularo preskaŭ ne ekzistas en tiu lando. Por antaŭi tiun problemon la registaro mem malfermis tri kafejojn en Helsinki, ekipitajn de T.V., muzikskatolo(!), ilustritaj ĵurnaloj, biblioteko kaj laborejo. En tiuj kafejoj la junulargvidantoj klopodas havi kontakton kunla junuloj.

*" Arbeiter Zeitung "*
*Vieno 18 marto 1960*

kaj fine ankaŭ foje . . . pri LA PROFESORARO(!)

En decembro 1947 la Hindia ministerio por edukado starigis la " Centra Instituto por Edukado " kiel centron por pedagogia priserĉado kaj kiel progreseman lernejon por profesoroj. Tiu instituto ellaboris planon por eduki profesorojn(!). Ĝi opinias ke nur tiuj kandidatoj povas esti allasataj kiuj promesas iĝi bonaj profesoroj. (En la nunaj cirkonstancoj en kiuj oni elektas tiun profesion post kiam oni malsukcesis en alia(!), tio estas grava. Ĉar estas kutime sep aŭ okoble tiom da kandidatoj kiom da liberaj lokoj, oni unue elektas laŭ bazo de akademia formiteco. Tiuj kiuj plenumis la kondiĉojn fiksitajn de allasa komitato, devas pasi serion de provoj kiuj kune daŭras pli ol du horojn. Jen sekvas kelkaj : inteligentecprovo (parole kaj en grupo), kapablecprovo, provo pri ĝenerala kono, unu pri kono de la Angla lingvo kaj unu pri sentemo. Tiu lasta estas por konstati ĉu la kandidato kapablas intuicie senti la spiritajn bezonojn de la infano, kio estas tre grava. La instituto kredas ke bona profesoro estas tiu kiu kun koro kaj spirito dediĉas sin al la estetika tasko, kiu unuigas intelektan-analizan kapablecon kun same grava emocia, sinteza kapableco. La kandidatoj ricevas unue du mallongajn poemojn kaj ili devas trovi ĝustan titolon kaj ankaŭ ili devas skribi sian juĝon pri la poemo. Poste ili devas rigardi al du pentraĵoj kaj denove doni taŭgan titolon kaj skribi sian opinion. La kandidatoj kiuj montras pli sintezan kaj emocian kapablecojn estas pli valortaksataj ol tiuj kiuj kiuj montras nur analizan emon kaj racian rimarkiĝon pri detaloj. Sur bazo de la skribitaj provoj, la kandidatoj pasas nun serion da interparoladoj laŭ iliaj interesobjektoj kiujn antaŭe ili povis komuniki. Tio por evidentiĝi sekvantajn kvalitojn : voĉo, apero, vivanteco, vortoriĉeco, sincereco, trafeco, ĝentileco, memcerteco, kaj matureco. Poste okazas diskuto en grupo kiu daŭras proksimume 40 minutojn pri fragmento el pedagogia revuo kiun antaŭe la kandidato povis enrigardi. Je tiu provo oni atentas pri ilia iniciato, adaptiĝpovo, logika rilatigo, partopreno en kaj instigo al la interparolado. Poste venas ankoraŭ mallonga interparolado por ekscii ilian fizikan taŭgecon, ilian intereson pri kaj partoprenon en la ludoj. Poste ankoraŭ la estro de la instituto parolas kun ĉiu aparte por esti informita pri ilia deveno, interesobjekto kaj specialaj kapablecoj kaj ankaŭ ĝenerala kapableco por la kurso. Estas antaŭvidita unu tago en kiu la kandidato povas montri siajn kapablecojn en ludo, danco, atletismo, komedio, parolado kaj muziko. La fina partoprenpermeso al la kurso estas donata sur bazo de la ĝenerala impreso kiun la kandidato faras. Ĉio tio okazas ĉirkaŭ tri monatojn antaŭ la kurso tiel ke la kandidato povas prepari sin per legado.

Nun, rilate al la lernejo. Neniu povas nei ke la bona instruanto devas koni tiel bone la lernanton kiel la instruobjekton. En la instituto oni konstatis ke por la formado de la personeco estis tre utila la ĉiumatena kunveno. La programo de ĝi konsistas el kanto de la nacia himno, la diro de preĝo, du minutoj de silenta meditado, kaj mallonga alparolado. Ĉiu studento havas ankaŭ konsilanton por lernejaj kaj personaj problemoj. La disvolviĝo de liberaj kaj koraj rilatoj estas antaŭenpuŝata per la laborado de nombro da amatoraj kluboj, ekskursoj, amuzkunvenoj kie kunvenas studentoj kaj instruantoj.

*Rim. de la Red.* : Estas certe tre bonaj ideoj en la supra skizo ! Oni rimarkas ke la instituto celas unualoke ekkoni la personon de la instruonto kaj lian saĝecon ; nur poste lian scion. Tute prave. Ni, kiuj depost jaroj staras en la instruado, scias el sperto kiel malbonege la instruanto konas siajn lernantojn kaj kiom multege da fojoj li miskomprenas ilin. El tio venas konfliktoj, ne plu bona nek fervora studado de iu fako. ktp.

Ĉu necesas diri ke en nia lando ekzistas ankoraŭ nenio en tiu senco ? ! Ni memoru ĉiam ke la instruanto antaŭ ĉio devas esti edukanto kaj ne specialisto kiu formas junajn cerbojn al iu speciala branĉo. Ni tamen notu ankaŭ ke eĉ la plej kapablaj kaj bonvolaj kaj saĝaj instruantoj povas esti nur helpantoj. Super ĉio gravas la forta kaj volanta karaktero de la juna personeco.

## PAC-MISIO de Anthony Brooke

**lasta rajao de Seravako (nord-okcidenta parto de la insulo Borneo)**

En la raporto pri intervjuo, kiun aranĝis granda haga ĵurnalo, ni povis legi :

" *S-ro Anthony Brooke estas rimarkinda homo ; rimarkinda pro sia pasinteco kaj ankaŭ pro la tasko, kiun li donis al si mem. S-ro Brooke estas ja rekta posteulo de James Brooke, kiu en 1841 fariĝis rajao de Seravako. Tri sinsekvaj generacioj de lia familio regis super la sendependa kaj suverena ŝtato de Seravako, rekonita kiel tia de Usono en la jaro 1851, de Britujo en 1863. Poste Seravako fariĝis brita kronkolonio en 1946.* "

Dum pli ol cento da jaroj James Brooke kaj la sekvintaj rajaoj al la familio Brooke regis Seravakon kiel suverenaj ŝtatestroj. Ilia firma, sed justa kaj humana reĝimo mildigis la morojn de la primitivaj indiĝenoj, ĉesigis la kuti mon de " kapĉasado ", kondukis la popolon sur la vojon de la civilizacio kaj fariĝis ĉiurilate benoplena por la tuta lando. Kiam Anthony Brooke ne plu havis taskon en Seravako, li reiris en Britujon.

Tiam li decidis dediĉi sian vivon al la interpacigo de la popoloj de la tuta mondo. Li komencis fari mondvojaĝon kaj vizitis ne nur la okcident-eŭropajn landojn, sed ankaŭ la Mez-Orienton, Hindujon kaj Ĉinujon. En Hindujo li akompanis dum tuta semajno la plej gravan disĉiplon de Gandhi, la popolgvidanton *Vinoba Bhave*, kiu piede iras de vilaĝo al vilaĝo por akiri senpage terpecojn por la popolo. Li parolis ankaŭ kun *Javaharlal Nehru*, ĉefministro de Hindujo, kun *U Nu*, ĉefministro de Birmo, kaj kun *Ĉu Enlaj*, ĉefministro de Ĉinujo.

En majo 1960 s-ro Brooke kunvokis konferencon en Ĝenevo (Svislando) por aŭdi la opiniojn de diverslandaj kaj diversreligiaj homoj, laborantaj por la paco. Dum tiu konferenco, en kiu partoprenis ankaŭ *Prof. Edmond Privat*, li konvinkiĝis pri la granda utileco de Esperanto, kaj poste li partoprenis en la seminario de *Andreo Cseh* en Bruselo.

Post Bruselo li vojaĝadis al Danujo, Svedujo, Finnlando, Rusujo, Polujo, Ĉeĥoslovakio, Hungarujo kaj Orient- kaj Okcident-Germanujo. Lia ĉefa celo estas fari paroladojn por gejunuloj de ĉiuj landoj kaj konvinki ilin pri la neceseco de interpaciĝo kaj komuna laboro por paca mondo. Krom tio li vizitadas la ŝtatestrojn kaj donas intervjuojn al la gazetaro. Oni tre bone akceptis lin en la popoldemokratiaj landoj. Li donis kristan-pacifistan mesaĝon en kvar preĝejoj, du en Polujo kaj du en Ĉeĥoslovakio. En Budapeŝto li faris radio-paroladon.

Ĉar certe multaj esperantistoj interesiĝas pri tiu paclaboro, ni invitis s-ron Anthony Brooke por paroli pri ĝi en la kunveno de Universala Ligo en Harrogate. Li faris la sekvantan deklaron :

" *Mi spertis, ke mi ne povos sukcese daŭrigi la plenumadon de mia elektita tasko, se mi ne regos perfekte la lingvon Esperanto. En mondo, kies popoloj estas tiel dividitaj de la registaroj, estas urĝe necese, ke la popoloj mem unuiĝu kaj kune agu ; unu el la plej efikaj rimedoj por unuigi ĉiujn popolojn de la mondo estas komuna lingvo. Tio estas la unua postulo kaj tial mi decidis funde ellerni Esperanton antaŭ ol mi daŭrigos miajn vojaĝojn.* "



# Revuo de la Revuoj

## La Suda Stelo

En antaŭaj kronikoj ni havis la okazon konatigi kaj laŭdegi — tute meritite — la revuojn " Norda Prismo ", " La Nica Literatura Revuo " kaj " La Praktiko ". Hodiaŭ ni volas atentigi pri la ekzisto de kvara, ne malpli valora " socia-literatura-kultura-arta " revuo el Jugo-Slavujo: La Suda Stelo. Dum ke Norda Prismo konatigas ĉefe la Nord- kaj Nord-okcident eŭropan kulturon, L.S.S. informas nin pri tiu de Meza-, Orienta- kaj Sud-Orienta Eŭropo. Ĝi faras tion en ampleksaj, grandformataj kajeroj kun multe da ilustraĵoj : tiel ke ĝi estas vera pliriĉigo de nia literaturo kaj de la klero de tiuj kiuj legas ĝin. Foje ĝi eldonas iun specialan numeron. Same kiel, ekzemple, La Nica Literatura R. eldonis Grekan (majo-junio 1957) kaj Rusan (sept. okt. 1957) numerojn, tiel numero 4 de 1958 estis " Estona kaj Usona Numero ". Estas evidente ke tie ni ekkonas figurojn, precipe el Estonujo, kiujn alie ni neniam havus la okazon ekkoni : poetoj, dramverkistoj, pensuloj. Al tiu numero kontribuis multe W. Auld (kiu konatigis tie Ezra Pound) kaj Hilda Dresen. Ĉiufoje aperas intervjuo kun iu fama esperantisto. Ĉiufoje tio estas okazo por pli funde kaj pli intime ekkoni ilin. Mi citas hazarde : Ferenc Szilagyi (Nr. 4, 1958) ; Jiri Korinek (5-6, 1959) ; la antaŭ ne longe mortinta romanverkisto Stellan Engholm (1, 1958) ; Imre Baranyai (4, 1959) ; G. Waringhien (3, 1959) ; J. Regulo Perez (1, 1959) ; Clelio Conterno Guglielminetti kaj Marjorie Boulton. Depost 1960 La Suda Stelo kunfandiĝis kun la Japana kultura revuo " Prometeo ", kio praktike signifas ke tiu lasta ne plu ekzistas. Bedaŭrinde ; ĉar la Japanoj certe kapablus montri kulturajn riĉegaĵojn al ni. Depost 1960 ankaŭ La Suda Stelo publikigas inventarion de plej legindaj artikoloj kiuj aperis en la Esperanto-gazetaro sur terenoj de arto, eduko, turismo, geografio, lingvo, muziko, naturscienco, religio, movado, politiko, recenzoj ktp. La recenzoj pri diversaj verkoj, kiuj aperas en L.S.S., devas esti vicigataj inter la plej fundaj. Se mi nun devus citi interesaĵojn mi estus en granda embaraso. En ĉiu numero mi trovis legindaĵojn, en plej varia mikso, irante eĉ ĝis centra Azio. La ilustraĵoj ĉiufoje montras belajn ĉu antikvajn ĉu modernajn konstruaĵojn, bildojn, pentraĵojn. En 4 - 1959 publikigis ekz. Ludmila Jevsejeva belan poemon memore al N. Kurzens kiu sinmortigis. Sed jen, citante tion, mi maljustas je aliaj kiujn mi ne citas. Malgraŭ tio mi volas ankoraŭ citi " Kultura Signifo de E-" movado " de Zivan Milisavac, en 3-1959. Jes, kara leganto, tute fremda al vi, ĉu ne, tiu Milisavac ? Sed same estas dekoj kaj dekoj da meritplenaj kaj tre kapablaj gesamideanoj en tiu admirinda Jugo-Slavujo. Lernu ilin koni per L.S.S. ! Por 5,6-1959 mi citas de Peter Zlatnar " La ideoj de Zamenhof tra prismo de la hodiaŭo " ; de Janec Stanovnic " Ekonomio de la mondo en pasinta kaj en estonta jarcentoj " (tradukita de iu Kd?!),

kolektivan respondon de Sovjet Rusa ĵurnalisto Ilja Ehrenburg al aro de siaj legantoj ; prezenton de plej novaj Jugoslaviaj filmoj kaj dokumentan artikolon pri naciaj minoritatoj en Jugo-Slavujo (bedaŭrinde sen mencio de fonto nek de aŭtoro ! Kial ?!) (Tie-ĉi la Nederlandlingvanoj povas kompari kun Dr. G. Schamelhout : " De Volkeren van Europa en de Strijd der Nationaliteiten " deel III ; Wereldbibliotheek Amsterdam 1930.) En 1-3 1960 (tri numeroj en unu ; sed tre ampleksa) aperis fragmento el la " Dia Komedio " de Dante laŭ traduko de Italo Johano Peterlongo, konata Dante-isto. Estas anoncita tie, por tre baldaŭ, la apero de la kompleta traduko, flanke de la Itala teksto, kaj kun ne malpli ol 64 desgnajoj de Sandro Botticelli. Evidente ke kun ega malpacienco ni atendas tiun libron ! Same estas tie anoncita la preparo de ampleksa Jugoslavia antologio. Intertempe aperis 4-6. 1960 kun la tre interesa interparolado kun T. Sekelj ; kaj kun intervjuo kun Marjorie Boulton ; kaj kun artikoloj . . . pri Zagreba teatro (Emilja apenna), malnova kaj nova teatroj en Tokio kaj . . . tro por citi !

* * *

La Suda Stelo vivu longe longe, kaj akiru tre multajn abonantojn. Fine, mi volas ankoraŭfoje esti praktika kaj atentigi pri la *propaganda* valoro. Al viaj konatuloj kiuj havas ĉe si iun nacilingvan kulturan revuon vi povos kun fiero montri " La Suda Stelo ". F. Roose.








Petar GIUNIO: « **Sekretoj de la Marestaĵoj** ». Reverkita kaj el la Kroata lingvo tradukita de Lic. Marinko Givoje. Eldonis la Kroatia Esperanto — Servo el Zagreb en 1960. 144 paĝoj. Prezo 5 Ned.Gul. aŭ 20 steloj.

Mi finis la legadon de tre interesa, atenton kaptanta libro. Laŭ mia scio ĝi estas la unua en nia lingvo pri fiŝoj. Mi konsentas ke fakuloj kaj amatoroj kiuj iom pli funde studis ihtiologion, ne plu multe lernos en tiu-ĉi libro. Mi konsentas ankaŭ ke la eldono povis esti pli bona kaj pli bela. La libro ne estas ornamaĵo por la biblioteko. Kvankam 144paĝa, ĝi havas aspekton broŝuran. Paperkvalito estas meza. Inter la tre multaj ilustraĵoj estas ne eĉ unu foto. Tamen mi forte rekomendas ĝin kaj la 3 mil ekzempleroj preskaŭ certe trovos iom rapidan forvendon. Ja, oni legas ĝin preskaŭ kiel romanon. La stilo estas flua, sed iom monotona tamen. Tre malmultaj preseraroj; kiel ekz. palperbruma anstataŭ palpebruma, sur p. 5. Mi ne volas doni detalojn nek ekzemplojn. Ĉiu ja scias tion ke la mara vivo estas interesega, kaj ne multe konita. Do, kial ni ne foje iom lernu pri tio, precipe se tio povas okazi en tiel plezuriga maniero ? La libro estas verkita de Jugo-Slavo; kaj estas do nature ke estas precipe la fiŝoj el la Adriatika maro kiuj estas pritraktitaj; iliaj armiloj, ilia batalo por ŝirmi sin, por akapari necesan nutraĵon kaj iliajn multajn, eksterordinarajn, ne-imageblajn artifikojn por atingi tiun naturleĝan celon. La verkisto iĝis esperantisto en maljuna aĝo (tial la verko estas tradukaĵo) kaj estas nun tre aktiva en sia lando. La libron finas kelkaj paĝoj da neologismoj kaj fakterminoj, kaj noto pri aŭtoro.

F. E.

Alberto del FANTE « **De la dubo al la Kredo** » tradukita de Frato Arni De Corte kaj Frato Leotadio De Ruyver. Broŝuro de 32 paĝoj.

Frato Arni DE CORTE « **La Patro de la Lepruloj** ». Broŝuro de 46 paĝoj. Ambaŭ eldonitaj de la Fratoj de l'Karitato, Instituto Sta. Kamilo Bierbeek; Belgujo. Prezo: 10 belg.fr. aŭ du respondkuponoj.

Nia bona samideano Frato Arni De Corte senlace propagandas por Esperanto; kaj per la internacia lingvo por sia idealo de Kristanismo. Li faras tion tiel taŭge, tiel celtrafe ke li konvinkis plene siajn samordenanojn kaj kuntrenis jam kelkajn en sia laboro. Ankaŭ li jam atingis vastan internacian rondon; io kio trafis liajn superulojn. En tiu-ĉi mondo, kiu veneradas Fr. Sagan, Brigitte Bardot kaj aliajn egoistojn, personojn kiuj serĉas nur sin mem, li volas konatigi kelkajn « aliajn tipojn », personojn kiuj serĉis la proksimulon, kiuj klopodis feliĉigi aliajn, kaj nur en tio trovi proprajn feliĉon kaj vivocelon. La unua rezulto estas tiuj du plaĉaj malmultekostaj broŝuroj kun multaj ilustraĵoj. Ni precipe ĝojas ĉar aperis nun en nia lingvo verketo pri homo kiu plej meritas tion, vera heroo, kiu plej honorigas la Flandran popolon: Jozefo De Veuster, Patro Damiano el Tremelo. Tiuj el niaj legantoj, kiuj per Esperanto volas ankaŭ disvastigi Flandrajn kul-

turon, personojn, literaturon ktp. havas moralan devon aĉeti tiun-ĉi broŝuron kaj sendi al eksterlandaj samideanoj, en la okazoj en kiuj ili kelkfoje sendas ion. La eksterlandaj amikoj ĝojos ricevi tion; papero estas bela, litertipo klara; stilo flua. La aŭtoro, daŭrigu sur tiu vojo. Se ni povas doni konsilon: ke li pripensu bone en la elekto de liaj sanktuloj, kiuj estas tiuj kiuj frapas la atenton de la modernaj homoj, kaj kiuj estas en ili la agoj kaj karaktertrajtoj kiuj havas ankoraŭ signifon por la modernaj homoj, mi volas per tio diri: en la lumo de la hodiaŭaj vivcirkonstancoj kaj superregantaj spiritofluoj. B. K.

SOFOKLES « **Reĝo Edipo** » kaj « **Antigona** ». El la Greka lingvo tradukis Douglas B. Gregor. Eldonis en nombro de mil ekzempleroj: Stafeto; en la « Belliteratura Serio ». Direktoro Dr. J. Regulo Perez; La Laguna, Tenerife, Kanariaj Insuloj. 1960. 216 paĝoj; prezo: 1.80 Us.Dol.

Nia samideano D.B. Gregor prave opinias ke la klasikuloj devas esti tradukitaj en Esperanto. Li konstatas ke el la klasiko literaturo de Grekujo kaj Romo estas nur tradukitaj la « Oduseia » (de Dr. Manders — malfeliĉe ne plu havebla), la « Fabeloj de Ezopo (de Dr. K. Kalocsay) kaj la « Eneido » de Vergilio (de Dr. Vallienne — ankaŭ ne plu havebla). Li, specialisto pri klasikaj lingvoj, decidis traduki la du ĉefverkojn de la plej granda Greka dramaturgo Sofokles. En la antaŭparolo li diras ke li spertis en kiel alta grado la fleksebleco de Esperanto faciligas fidelan tradukon. Tiuj du dramoj, kiuj surscenigas tre antikvan legendon, estas la kunmetaĵo de homeca psikologia postulo, laŭ kiu, kulpo devas esti punata, kaj de la kredo de la antikvaj Grekoj ke la homo kapablas nenion kontraŭ la volo de la dioj. La legendo parolas pri la pereo de la dinastio de la reĝolando Tebo; pereo kontraŭ kiu vane luktas la koncernaj personoj, ĉar volita de la dioj. La dramoj estas funde pesimistaj, kiel ĉetere la aliaj grekaj tragedioj, kiel ilia literaturo, kiel ilia filozofio. Ili ja pensis ke la dioj en karaktero similas al la homoj, do kun bonaj sed kun ankoraŭ pli da malbonaj ecoj. Se iu dio favoras iun homon, pro tiu fakto mem estas tuj ja aliaj dioj kiuj malfavoras tiun homon. La fino de la unua dramo estas korpremiga ne nur en la faktoj sed ankaŭ en la lastaj versoj kiujn elparolas la ĥoro :

Tial ĝis la fina taga estu tiu-ĉi regul' :
el la homa gent' neniun iam nomi feliĉul'
antaŭ ol ne-suferintan trafos lin la morta lul'. (p. 111)

Tiuj versoj memorigas al ni elparolon de tiu alia fama Greka dramaturgo, Eŭripides: la plej granda feliĉo, post tiu ke esti ne naskita, estas: plej eble frue morti ! La tragedieco estas tie-ĉi ankoraŭ pli granda pro la fakto ke Edipo, kiun plej trafas la fato, estas eble tute ne kulpa ! Rilate al la kulpeco de Edipo, D.B. Gregor donas la diversajn tezojn en « Enkonduko », kiu estas fakte studo-artikolo, kaj en kiu li ankaŭ pritraktas la originon de la Greka dramo. Li pripalolas ankaŭ la karakteron de la roluloj. Por ni, en tiu-ĉi tempo, estas eble bedaŭrinde ke Sofokles ne surscenigis la tutan legendon. La legendo estas rakontita (tro mallonge !) sur paĝo 27; kaj por la dua dramo, sur paĝoj 115 ĝis 117. Do, « Edipo » montras kiel tiu « heroo » venas al la malkovro de la mistero kiu ĉirkaŭas lin, kaj lian malesperiĝon. « Antigona » priskribas la konflikton inter A. kaj ŝia onklo, kaj tiam inter tiu lasta kaj lia filo. Sed vi sciu ke tiuj antikvaj Grekoj estis tre filozofiemaj kaj ŝatis en dramo montritaj diversajn problemojn de moraleco, politiko ktp. Por la studo de ilia pensmaniero kaj la evoluo de morala sento, kaj pri politika koncepto, tiuj dramoj estas plej gravaj. Sed samtempe ili estas artplenaj ! Pri tio lasta ni volas insisti; kvankam restas vere ke la legado de ili ne estas destinita por ĉiuj. Ili kondiĉigas iun antaŭan edukon en tiu senco, aŭ iun naturan emon aŭ adaptiĝpovon. Mi aldonu ke la traduko legiĝas tre flue ! Multaj kiuj iam legis ilin en originalo, sed kiuj depost tiu tempo jam grandparte forgesis tiun lingvon, kun plezuro relegos en Esperanto. Unu lingva rimarko: kial la aŭtoro uzas « ŝi » por la sfinkso ? (p. 27) Post la dramoj estas presitaj la genealogia tabelo de la dinastio de Tebo kaj la indeksoj pri antikvaj kaj modernaj nomoj. Ni ŝuldas multan dankon al S-anoj Gregor kaj al J. Regulo Perez kiuj prizorgis tiun necesan aldonon al nia literaturo. Evitu, karaj geleganotoj ke vi baldaŭ devos bedaŭri ne posedi tian libron.





Jasuo SAKURAI « **Dek Gvidprincipoj de la Oomoto-movado** ». Tradukis kaj eldonis la Oomoto Centra Oficejo en Kameoka, Kioto-hu, Japanujo. Prezo: 2 respondkuponoj. 24 paĝoj.

Pri tiu religio oni povas diri minimume ke ĝi estas moderna kaj simpatia. Sen ia dubo, la vivado laŭ tiu religio povas fari nur multege da bono al la homaro. Per tio ni ne volas diri ke en ĉio ĝi estas la vera religio. Sed ni estu tiel grandanimaj akcepti kaj rekoni la bonon de kie ajn ĝi venu. Ĉu ankaŭ ili ne estas heroaj kaj sinceraj serĉantoj al la Vero, al la solvo de la mistero de la fenomeno: vivo ? Mi citos unu principon kiu havas modernan sonon: 5) Ĉiuj religioj originas el unu Dio; surbaze de tiu vero ili kunlaboru sur tiu tereno de sia misio, kiu estas komuna al ili ĉiuj.

André RIBOT: « **Grezijono invitas vin — Grésillon vous invite** ».

Tiu dulingva, bele ilustrita broŝuro, eldono de « Les Editions Françaises d'Esperanto », Rue Paul Vergnes 11, Marmande: sciigas al ni en formo de rakonto, la organizon de la vivo kaj de kulturaj aranĝoj en tiu jam fama « Esperanto-Domo ». Kelkaj de niaj liganoj iris tien kaj revenis kun nur laŭdo pri ilia restado. Nun ke vi ree elspezas pri estontaj feriaj vojaĝoj, aĉetu la broŝuron... kaj sciigu al la kastelanoj kiam vi venos !

Ole NEDERLAND « **Tom kaj Tina** »; internacia lernolibro por infanoj, 46 paĝoj. Prezo: 5,50 DK. aŭ 0,80 Us.Dol. Eldonis: Dansk Esperanto - Forlag Ingemannsvej 9, AABYHOJ Danujo.

Por povi taksi la valoron de lernolibro, oni devas esti uzinta ĝin. Estas ankaŭ grave scii de kiu ĝi venas. Nu, tiu-ĉi venas de tre spekta kaj lerta pedagogo. Ĝi venas ankaŭ ĝustatempe ĉar pli kaj pli da infanoj komencas lerni nian lingvon. La libreto estas tre plaĉa, sur bela papero, kun multaj desegnaĵoj, loko por foto, kaj listo de vortoj. Jen la libro por viaj infanoj, ili kun plezuro legos en ĝi !

Venĉeslav WINKLER « **La Stelita Lampo** ». El la Slovena tradukis Joze Kozlevĉar; Eldono Mladinska Knjiga 1960. Prezo: 0.75 Us.Dol. 15 paĝoj.

La infana literaturo en nia lingvo pliriĉiĝis per tiu-ĉi multilustrita sed malmulteksta, grandformata, albumaspekta libro. Multaj ilustraĵoj estas en koloroj. La litertipoj estas grandaj kaj do klaraj. Libro destinita por aĝo de ĉirkaŭ 10 jaroj. Dufoje la estas forgesita sur fariĝis kaj troviĝis (p. 3 kaj 15). Tre plaĉa eldono kiun ni rekomendas. Ĝi certe instigos infanojn legi ĝin.

Erna STAROVASNIK : « **La Varma Rivereto** ». Sama eldonejo. Ilustris Ive Šubic. 18 paĝoj. Prezo: 0,35 us.dol. por broŝurita kaj 0,60 us.dol. por bindita ekzemplero.

Ĝi estas la dua numero el la serio: « Abelo » de kiu « Mojca Etulino » estis numero unu. Lingvo senriproĉa. Bela prezento. Pli da ilustraĵoj ol teksto Destinita por infanoj ĝi certe tre plaĉos al ili kaj enigos en ili la esperanto-lingvon.

TIBOR SEKELJ: « **Nepalo malfermas la pordon** ». Postparolo-leksikologia komentario de Dr. J. Regulo Perez. Kun biografio pri la aŭtoro. Eldonis « Stafeto » La Laguna, Kanariaj Insuloj. 1959. Presis Joze Moŝkriĉ en Ljubljana. 216 paĝoj. Prezo : 3 Us. dolaroj.

Tiu-ĉi recenzo aperas tro malfrue. Multaj jam konas la libron. La fakto ke granda kvanto estis vendata dum la universala kongreso pruvas tion. La aĉetintoj pravis. Ili akiris ion valoran. En la nuna literatura produktado Esperanta, ĝi estas preskaŭ tiel valora kiel siatempe la belega libro « Ĉirkaŭ la mondon kun la verda stelo » de la Svisdevena kaj nun Usona Joseph Scherer. (jam delonge ne plu havebla). Sed ĉar sendube ankoraŭ multaj inter niaj gelegantoj ne konas tiun-ĉi verkon, jen mi priparolu kaj konatigu ĝin. Ĝi estas sufiĉe vasta kaj sufiĉe detala priskribo de tiu malfacile atingebla lando, longtempe ne atingita, kaj konsekvence kun tre aparta civilizo. Komence de la libro troviĝas mapo kiun mi tamen dezirus iom pli « plenŝtopita ». En angulo la mapo montras Nepalon inter la najbaraj landoj. La verko estas riĉe ilustrita : 39 ilustraĵoj kaj ok koloraj tabuloj. Tiu materialo sola, pro la varieco kaj bona elekto, donas jam ideon pri la tuta civilizo. Bonan ekzemplon de la arkitekturo vi ekhavas sur paĝo 15. La kolorbildoj flanke de paĝoj 16 kaj 64 donas frapan bildon pri la religi-spirita obsedateco ; dum ke tiu flanke de paĝo 128 tre bone ilustras la Nepalajn enloĝantojn. Belega estas la foto sur paĝo 160 pro la esprimoj sur la vizaĝoj kiam preterpasas la ĉaro kun la « vivanta diino ». La leksokologia komentario de Prof. Dr. J. Regulo Perez prezentas sur 9 paĝoj veran kaj interesan studon. Tiurilate ni ricevis postnoton de la eldonisto kiu diras ke kelkaj landnomoj kaj aliaj geografiaj nomoj ne koincidas kun tiuj en la teksto de la aŭtoro kaj ke la kaŭzo de tio estas ke la presisto kaj eldonisto — pro teknikaj kialoj(?) — ne submetis la postparolon al la kontrolo de la aŭtoro T. Sekelj. Verŝajne tiu lasta ne estis kontenta (precipe ĉar en tiu komentario troviĝas la pravigo de formoj aliaj ol uzas T.S.-vidu Nepalujo sur paĝo 209) kaj J.R.P. demandas senkulpigon kun promeso ke tio ne plu okazos. Trankviliĝu ; ne temas pri ujo aŭ io ; sed pri ujo aŭ nenia aldono. En la unuaj ĉapitroj la esploranto donas komunikojn pri libroj kaj personoj kiuj pritraktis Nepalon antaŭe. Li donas ankaŭ geografian priskribon, kun la legendo(j), ankaŭ pri la ĉefurbo Kathmandu kun la multaj temploj kaj la abunde priskulptitaj domoj. (ekz. sur paĝo 17).

Dume li klarigas la signifon de la multegaj statu(et)oj, vestaĵoj, kutimoj ktp. ekzemple de la plej sankta preĝo « om mane padme hum » (p. 26). Kiam sur tiu paĝo 26 mi legis pri la preĝmueliloj, mi ne povis eviti fari komparon kun la indulgencoj de Portiuncula kiujn Katolikoj povas meriti. Kiel dum sankta ĵaŭdo la Katolikaj episkopoj lavas la piedojn de simplaj personoj, por rememorigi Kriston kiu faris la saman, tiel ekzistas ankaŭ la piedlavado fare de Budhanaj monakoj (p. 43). Priskribon de kadavrobruligado oni trovas sur paĝo 33. Frapis mian atenton la procesio en kiu iras Kriŝno akompanata de du kunulinoj : la edzino . . . kaj la amatino (!) p. 44). Ĉe tio oni devas pripensi ke la religio, samkiel la arto, estas la elmontro de tio kio vivas profunde en la spirito de la popolo. Plie oni devas scii ke primitivuloj kaj primitive pensantaj homoj havas tendencon por homecigi siajn diojn kaj do sian religion. Tial ne miru se vi legas ke ili en religiaj ceremonioj uzas trompajn praktikojn. Legu tiurilate paĝon 150. En tiu stranga lando estas pli da festoj ol tagoj en la jaro ! Ne mirinde : la nombro de la dioj estas preskaŭ ne kalkulebla ! Interesa estas ankaŭ la ĉapitro pri la nuna reĝo kiu decidis vojaĝi por ekkoni sian landon. Sekvas poste historia superrigardo i.a. kun la fenomena personeco Gang Bahadur. En la sekvanta ĉapitro ni ekkonas pli profunde la tribojn de Nepalo. Denove la priskribo de moroj estas interesega kaj kaptas la atenton. Ekz. en Dogi kie la kamparanoj pagas por la ŝtatgrundoj per donado de siaj virinoj al la armeo kiel prostituitinoj ! (p. 118). Legu kiamaniere ili fumas ; sur paĝo 117. Sur paĝo 108 legu pri la junulinoj kiuj teorie ne estas liberaj en afero de edziniĝo, praktike tamen kapablas libere elekti. Ĉapitro 12 estas bela klarigo pri la religioj kaj ĉefaj dioj. Kompreneble ke la bela figuro de Sidharto, poste Budho, havas tie sian lokon. Estas klarigitaj ankaŭ la skulptaĵoj kiuj unuavide ŝajnas al ni ege malmoralaj (p. 143). Mi volus konstante citi ; miaj notofolioj estas plenaj ; kaj mi eĉ malfacile rezistas la tenton por rerakonti kelkajn anekdotojn. Sed mi ne povas fari tion, ĉar vi devas legi la libron. Evidente ke la ĉapitroj pri la festoj entenas multajn sciindaĵojn. Fine la verkinto skribas ankaŭ pri la arto de la lando kaj pri du famaj Nepalanoj . . . divenu kiuj ! Sidharto Gaŭtamo, la Budho kaj la ŝerpo Tenzing Norgaj. Mi aldonu ankoraŭ ke la stilo estas flua kaj la lingvo tute ne malfacilia. Vi ne nur legos, amuziĝite kaj kun streĉa atento, tiun libron ; sed vi ankoraŭ pli ol unu fojon reprenos ĝin en mano por relegi iun ĉapitron, por rememorigi al vi iun trajton de tiu lando kiun vi volos ekkoni kaj ne plu forgesi. Post la finlego mi retrafoliumis la libron, pensante, rerigardis al la bildoj kaj diris en mi mem : « miaj homfratoj, vi iĝis pli proksimaj de mi » kaj antaŭ la bildoj kiujn mi ne komprenis mi flustris en mi mem : « misterio ; mistero de la vivo ; mistero de la universo. Nepalo, mi tre deziras vidi vin ».

Drs. F. R.

DRAGO KRALJ : « **Kvar Prelegoj pri Esperanta Literaturo** ». Eldonis: Eldona Sekcio de Slovenia Esperanto-Ligo. Ljubljana 1960. 192 paĝoj. Prezo: 1,25 Us.Dol.

Jen poŝformata libro kiu tre tre plaĉis al mi dum legado; sed kiu pro tute ordinara eldonmaniero, estas tro multekosta. De la 4 prelegoj tri estas dediĉitaj al la poezio kaj nur unu al la prozo. Tio montras ĝuste la valoron de ambaŭ branĉoj en nia literaturo. La aŭtoro donas superrigardon pri la historio de nia literaturo kaj ni devas diri ke li bonege sukcesis en tio; kvankam oni povas kompreneble kelkfoje diskuti pri lia juĝo rilate al la valoro de la priparolitaj verkoj. Sed ni devas aldoni ke li ne kapablis ĉion legi kaj do ke kelkfoje lia juĝo baziĝas sur recenzoj. Tiu-ĉi eldono estas aparte interesa ĉar Kralj publikigas multajn poemojn ne plu freŝdatajn kaj do ne plu, aŭ malfacile troveblajn. Por tipe priskribi kelkajn aŭtorojn, D.K. citis, ĉu parte ĉu tute, la « rimportreton » kiun al tiu dediĉis, en formo de rondelo, la nekomparebla K. Kalocsay. Havas ankaŭ lokon en la libro nia Jan Van Schoor, sed ne nia Juul Karnas. Mi permesas al mi kelkajn rimarkojn. La du verkoj de Dr. E. Privat « Esprimo de Sentoj en Esperanto » kaj « Interpopola Konduto » meritas ne nur citon (p. 26) sed indikon pri enhavo; se ne en tiu-ĉi unua prelego, tiam en la posta ĉapitreto pri la faka literaturo. Ili estas tro malmulte konataj kaj tamen ege interesaj. La Germana poetino Marie Hankel meritis aperigon de unu poemo. Same la Nov-Zelandano Brendon Clark meritis tion. Li verkis malmultajn, sed inter ili kelkajn kiuj apartenas al la plej bela iam verkita en poezio. Plie, pro lia sistema forigo de elizio, liaj poemoj legiĝas multe pli facile kaj sonas multe pli nature kaj bele. (p. 30 kaj 136). Sur paĝo 33 la frazo: « verkoj de... Tolstoi... Dostoevskii... sed ili ne estis publikigitaj » estas sensenca; devas esti aŭ estas itaj, aŭ estis ataj. D. Krajl dediĉas plurajn paĝojn al J. Baghy sola, kaj tio estas tute natura kaj merita. Li ja estas unu de niaj plej grandaj poetoj. D.K. permesu tamen ke mi akcentu ion, kion li eble ne sufiĉe reliefigis. J. Baghy estas kaj eksterordinara virtuozo kaj artisto. Mi ekzemple ne kapablas forgesi la priskribon de la Morto en la tria akto de « Sonĝe sub Pomarbo » (paĝoj 196-200). Liaj aliteracioj estas majstraj kaj samtempe poeziplenaj kaj maturaj; ne estas nur vortĵonglaĵoj. Plie, en kelkaj poemoj, per la sonriĉeco de la elektitaj vortoj, li kreas tutan atmosferon kaj oni pli vidas ol legas tion kio okazas. Jen ekzemplo kiu eble povis esti enmetita en la libro:

Ruĝpapav' ;
plum' de pav' ;
ĉen' el oro ;
kron' el floro.
Min ornamas silkaj ŝaloj,
serpentsiblaj silkaj ŝaloj.
Koron kovras kisvualoj.
Kuras sango al la vango
de la virgulin'.
Flirtas la muslin'

kun serpenta klin'.
En lumbrilo lula trilo
vekas por delir' ;
sekvas min sopir'
laŭ balanca ir'.

Mi miras ke mi trovis nur unu poemon de Lajos Tarkony (p. 87). Tiu ja skribis kelkajn kiuj viciĝas inter la perloj de poezio. Kaj ili estas ankoraŭ facile troveblaj ĉar ili aperis parte en la « Nica Literatura Revuo ». Samideano Krajl prave aperigis « Kial tiuj etaj Damoj » de R. Schwartz. Leganto, vi miros ke R. Schwartz kapablas verki ankaŭ tiaspecajn poeziaĵojn, seriozaj, eĉ tragikaj kiuj malkovras aspekton tute ne konatan de tiu humorulo. Mi demandas al mi ĉu tiu poemo estas la sola en tiu genro; kaj kie la eventulaj ceteraj estas troveblaj. Male la aforismoj de la sama estas tamen ne tiom geniaj (!?). La kompilinto ankaŭ sciu ke la titolo de unu inter la libroj de R. Schwartz estas « La Goja Podio » kaj ne « podiumo » (p. 88). La aŭtoro opiniis necesa aŭ dezirinda mencii poemaron « Sekretaj Sonetoj » de Peter Peneter kiun li nomas interesa ! Ĉu mi povas demandi al li en kio estas la intereso? La ĉi tie presita poemo estas ankoraŭ deca. Jes, ĝi estas deca, en komparo kun la aliaj! La fakto ke la verkisto, kiu en tiu verketo pruvis esti majstro de la esperantlingva poemfarado kaj do certe ne devis timi kritikon tiurilate, ĝis nun ne kuraĝis malkovri sian veran nomon, montras ke pro io alia li hontis. Efektive mi nenie plu kuraĝus montri mian vizaĝon se mi estus verkinta ion tiaspecan. Mi kredas esti tute ne pruda; kaj mi scias ke la amo havas ankaŭ fizikan flankon (ankoraŭ restas ke oni priskribas ĝin tre unuflanke kaj ne esence, se oni akcentas nur la fizikan aspekton) sed tiu pseŭdonomulo P. Peneter trenis la belan amon en la koto ! Figure kaj litere ! Mi ne troigas ! Feliĉe la verketo estas ne plu trovebla. Kiu ekhavis ĝin en mano, tre prudente... kaŝis ĝin ! Sed D. Kralj, en la kroniko de la literature interesaj datoj sur p. 181-2, mencias ĝin ankoraŭfoje !

En la kvara prelego D. Kralj pritraktas la prozon kaj li ne estas milda je ĝi ! Mi miras ke li ne mencias M. Boulton kiu ankaŭ proze verkas bonege. Mi ekzemple memoras rakonton « Ebrivirgeco » en la « Nica Literatura Revuo » kiun mi ne rapide forgesos. En « Postskribo » D.K. publikigas eldiron pesimistan rilate nian literaturon de Prof. I. Lapenna kaj eldiron optimistan de W. Auld. En kelkaj « Aldonoj » la kompilinto donas informan skizon pri E-a literaturo en Jugo-Slavujo, la plej gravajn eldonejojn (li forgesis F. Hirt & Sohn el Leipzig de antaŭ la milito) kaj la ĉefajn E-ajn revuojn literaturajn; krome la Esperanto-antologiojn kaj skizon pri la faka literaturo en nia lingov. Ĉion finas indekso.

En 1946 la « Federacio de Laboristaj Esperantistoj » eldonis ion similan: « De Esperanto-Literatuur in Vogelvlucht » de G.P. De Bruin. Ĝi estas pli kompleta kaj pli sistema. Tiu-ĉi verko de D. Kralj estas pli komentaria, pli aktuala kaj enhavas multajn literaturajn ilustraĵojn kiujn oni alie ne plu povas trovi. Tial ni rekomendas la libron.

Drs. F. R.



CASTRO ALVES (1847-71) **« Elektitaj Poemoj »**. El la Portugala tradukis L. H. Knoedt. Eldonis la universitato de Bahia (sub aŭspicioj de la ministerio de Edukado kaj Kulturo. Rio de Janeiro 1959. 186 paĝoj. Prezo: 20 steloj aŭ 70 belgaj frankoj.

En Brazilo okazas ke universitato eldonas Esperantan verkon; ke ministerio subtenas tion kaj ke rektoro de universitato skribas la antaŭparolon ! Kie estas ni, en Belgujo ? La verko estas publikigita kun du kromceloj: kiel io speciala en la Zamenhofjaro, kaj en la kadro de la projekto de kulturinterŝanĝo inter okcidento kaj oriento. Kia mirinda disvastigilo estas la lingvo Esperanto ! Vidu, tiu Alves Castro estas ĉe ni tute ne konata. Vi ne trovos mencion pri li, en neniu literatura libro, eĉ ne en la enciklopedio. Ĉu li valoras esti konata ? En la sama mezuro kiel niaj plej bonaj romantikaj verkistoj de la mezo de la pasinta jarcento. Estas tial ke oni prenas tiun libron en manoj kun pieca sento. C. Alves apartenas al la romantika skolo kaj li estis batalanto por idealoj. Ĝi estis la epoko de idealoj: libereco, forigo de tiraneco kaj de fremda superrego, socia justeco. Multe pli ol en la nuna tempo homoj kapablis fordoni sin tute por tiuj idealoj kaj plenigi sian vivon per akcelo de ili. Ni konas nian historian romanverkiston H. Conscience pro lia « Leono de Flandrujo », kaj la mondo konas lin pro tradukoj en multaj lingvoj, ankaŭ en Esperanto. Sed C.A. estis poeto, batalanto, kiu en la flamo de ankoraŭ juna aĝo... jam mortis (24 jaroj)... kiel nia Berten Rodenbach. Kiu de niaj talentaj Flandraj esperantistoj foje konatigos A. Rodenbach al la mondo ? Mi malfermas la libron. Flanke de la titolpaĝo estas bildo de C.A. kiu montras homon efktive similan al Rodenbach ! Kaj tiam ni komencas legi, kun la espero ke ni trovos verajn belaĵojn, en bona traduko. Tio ne estis facila tasko por la tradukinto. Pripensu ke tiu poezio datumas de antaŭ unu jarcento. Intertempe la homaj gusto kaj psiko multe evoluis. Ju pli iu literaturo datumas de pli fruaj epokoj, despli ĝi valoras... literaturhistorie. Se plie ĝi estis vere arta kreaĵo, ĝi certe ankaŭ konservas tiun artan valoron, sed malpli ĝi estas destinita por trovi komprenon kaj estigi estetikan ĝuon ĉe modernuloj. Generale ni povas diri ke la maljunaj generacioj ankoraŭ kapablas ĝui la literaturon de la antaŭa jarcento, sed la junaj generacioj, kiuj tiom diferenca, ne plu. En tiu-ĉi volumo troviĝas tendenc — kaj batalpoezio, kaj amo — kaj individueca poezio. La dua estas ankoraŭ plej ĝuebla nun. Multaj opinios la unue nomitan parton iom bombasta, troa, teatra, kiel ekz. en la poemo « Voĉoj de Afriko » (p. 159). Sed estas tute nature belaj kiel la « Kanto de Sklavino » sur p. 148. Kelkaj havas eposan irmanieron (« Odo al la dua de julio » sur p. 56). Ĉe multaj mankas originaleco (iom ĝenerala trajto de la romantika arto); kaj se estas sentopleneco, ĝi estas iom supraja. Tiuj romantikistoj ŝategis kontrastojn kaj utiligis ilin sisteme por fari efekton. Kiu pli frape uzis tiun procedon ol Victor Hugo ? Estas multaj ekzemploj en la libro, sed mi citas nur du: « La Kruco apud la Vojo » sur p. 162 kaj « Jezuitoj » p. 44. Ankaŭ metaforojn ili ŝategis. Tiurilate estas kaptanta kaj surprizanta « La lasta amo de Byron » p. 89. En sia troardiĝo la romantikisto plurfoje galopegis kaj ne plu kapablis bridi siajn vortojn... kaj tiam faris (tro) aŭdacajn eldirojn aŭ komparojn. Ankaŭ C.A. ne ĉiam evitis tion ekz. kie li nomas la Jezuitojn la « Atilojn de la Fido, Vandalojn sublimegajn de l'Ŝafido » (!) p. 44. Dum la legado de la diversspecaj poemoj estas frape kiom da konataj poemoj de aliaj romantikaj verkistoj ili rememorigis al mi. Ekz. legante la unuan paĝon de « Konsvelo » (p. 99) venis antaŭ miaj okuloj la teksto kaj mi aŭdis la kanton « Ĉu konas vi la landon ? » el Mignon de Thomas. Tio estas pruvo ke la poezio de tiel multaj poetoj fontis el sama animstato kaj ke ili verkis laŭ iom sama procedo. La homo tiam estis malpli komplika ol li nun estas. Tute laŭ la romantika koncepto sed tamen ankoraŭ nun tre bela estas la « Horoj resopiraj » sur p. 85. Romantikistoj ŝatis ankaŭ la historion. De tie la multaj rememoroj pri la antikvo. Feliĉe ke troviĝas je la fino de la libro naŭpaĝa klarigado pri tiutempaj legendaj kaj historiaj figuroj. Ni, kiuj ĝenerale malpli detale esploras la atikvon, povas ankoraŭ multe lerni tie. Havas modernan sonon kaj estas tre bela la barkarolo « La Gondolisto de la Amo », p. 31. Vi ne povas pensi ke mi citis nur tiujn poemojn kiuj estas citindaj, tute ne ; restas multaj rimarkindaj. Kompreneble, la tradukinto uzis kelkajn neologismojn kiujn oni trovas sur la menciita naŭ paĝa listo. Ĉu ne plu eviteble ? Kelkajn aliaj jam uzis; sed mi pensas ke kelkaj aliaj « bestio, dista, streta, svaga » estas inventaĵoj de li ? Sed la traduko estas bonega, tre flua. Ni deziras al la libro la grandan sukceson kiun ĝi meritas.

Drs. F. R.

## ENKETO PRI LA MIGRADO DE LA KUKOLO.

Esperanto ĝis nun ne bone penetris en sciencajn mediojn. Por enkondukigi ĝin tien, oni nepre devus montri ĝian utilecon, ekzemple en internaciaj enketoj pri iu biologia fakto. Tre konvena fakto estas tiu de la birdmigrado, ĉar tiu temo estas interesa kaj populara, jam multe pristudata sed ankoraŭ nesufiĉe komprenata.

Kelkaj ornitologoj jam studis la printempan migradon de la kukolo, sed iliaj konkludoj ŝajnas ne konvinkigaj. Tiuj personoj devis ĉerpi siajn informojn el la artikoloj de birdobservantoj el pluraj landoj. Sed por havi taŭgajn informojn oni devus disponi pri reto de observantoj en la tuta teritorio kie vivas la koncerna birdo.

Estas klare ke nur internacia lingvo permesas starigi tian reton. Tial mi alvokas la naturamantajn esperantististojn por ke ili havigu al mi informojn pri la alveno de la kukolo en nia loko. Tia informato povus montri al la sciencistaro ke por pluraj esploroj la internacia lingvo estas ne nur utila sed eĉ nec esa fakto.

En ĉi tiu studo temas do pri bone konata birdo, la eŭropa kukolo *(Cuculus canorus L.)* kiu dumsomere vivas en preskaŭ tuta Eŭropo kaj en okcidenta Azio, kaj dumvintre en tropika kaj suda Afriko. Ĝi estas speciale fama pro la printempa krio de la vir seksulo: " ku-ku ". Ankaŭ ĉiu nepre scias ke ĝi ne faras propran neston, sed kovigas siajn ovojn per aliaj birdoj. Venante el Afriko printempe ĝi atingas sudan Eŭropon je la fino de marto, nordan nur je la fino de majo.

Estus interese scii kiam la unua kukolo aperas en via loko. Se vi vivas eksterurbe kaj do povas sekvi tagon post tago la alvenon de tiu birdo, bonvolu havigi al la ĉi suba adreso jenajn informojn:

a) nomo de la loko kaj situo rilate gravan urbon
b) dato de la alveno de la unua kukolo
c) aspekto de la regiono
d) (se eble) veterkondiĉoj dum la pasintaj tagoj
e) via nomo kaj adreso

La rezultoj de ĉi tiu enketo estos prilaborataj en scienca artikolo kiu aperos en esperanto. La nomoj de la informintoj estos citataj. Eble ĉi tiu enketo havos favoran influon en kelkaj sciencaj medioj.

*W. De Smet,*
*Graaf van Egmontstraat 16*
*Antwerpen (Belgio)*







— Presita en Belgujo de H. De Baene-Sercu, Delaplacestraat 3, Sint Kruis Brugge —